1ª jaro - Nº 6 (Publication mensuelle) Novembro 1933

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

ABONTARIFON VIDU SUR LA PROKSIMA PAĜO

# TARIFO DE L' ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi en francaj frankoj
aŭ egalvaloro en aliaj monunuoj
laŭ kurzo de l' tago.

Francoj povas pagi per poŝta ĉekkonto:

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

*Modelon de abonilo vidu sur la 3-a kovrilpaĝo!*

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas: Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# SVEDUJO VEKIĜAS

Ankoraŭ preskaŭ naŭ monatoj restas ĝis nia Universala en Stockholm. Sed jam blovas tra la tuta lando vigliga venteto kaj manifestiĝas ĉie bolanta vivo Esperanta. Pli kaj pli interesaj estas la rubrikoj pri Svedujo en nia gazetaro, kiel vi povos juĝi mem. Jen, kion alportis Heroldo la 22-an de Oktobro, sub la titolo « Esperanto vivas » : (Ni iomete mallongigas konservante nur la esencan parton !)

## SVEDUJO

**Hallsberg.** — 20. 9. 33 Paroladon de Morariu lerte interpretis S-ro Elander.

**Kumla.** — 19. 9. 33 Parolado de Morariu vigle interpretata de S-ro Ström.

**Linköping.** — Red. Morariu parolis pri « Esperanto en la praktiko » bone interpretata de instruistino Dora Andersson.

**Mjölby.** — 6. 9. 33 Lumbildparolado de T. Morariu interpretita de S. Uno.

**Motala.** — La parolado de T. Morariu estis spicata per amuzaj anekdotoj.

**Norrköping.** — La 9. 9. 33 Morariu parolis en Esperanto sen interpretisto.

**Örebro.** — D-ro Warne, la loka lerneja inspektoro, rekomendis al la instruistaro viziti la kursojn de Morariu.

**Örebro.** — Provleciono de Morariu en la Praktika Lernejo por Komerco kaj Lingvoj.



Oni diros, kion oni volos, sed tiaj raportoj ĝojigas eĉ individuojn nesentimentalajn. Kaj se post tio niaj centrafrikaj samideanoj ne dancas la prapatran tamtamdancon je honoro de nia bona amiko Morariu, tio pruvas, ke ili havas nek koron nek komprenemon. Kompatindaj negroj !

A. B. C. Awful.




# Iom riproĉa letero al S-ro Marinus van der Lubbe

*« Marinus van der Lubbe planis vojaĝon tra Eŭropo. Li presigis poŝtkartojn kun sia portreto, — ĉar la plej grava afero de l' vojaĝo estis por li la poŝtkartoj, sur kiuj brilas, apud lia kapo, mistera stelo... »*

(El la Bruna Libro.)

Samideano senepiteta!

Vi havis la okazon fari al Esperanto grandiozan reklamon, — kaj vi silentis. Tion ni riproĉas al vi.

Tamen ni scias, ke vi estas Esperantisto. Kiel diras niaj germanaj amikoj, « ne estas dubbe, ke tiu Lubbe estas flamideano! »

Unue, vi estas holandano. Ĉiuj holandanoj, kiujn mi konas, estas Esperantistoj senescepte.

Vi estas plue tipa figuro el la romanciklo de Bulthuis. Ni bone komprenas, ke vi deziris forlasi tiun medion. Vi fakte foriris, kaj — kvankam ciklisto — vi decidis migri tra la mondo piede. Piede! Jen tipe Esperanta frenezaĵo. Vi vendis, por vivi, poŝtkartojn kun via portreto. Jen pure Esperanta specialaĵo! Oni asertas, ke sur tiuj ĉi poŝtkartoj brilas mistera stelo. Ĉu mistera? Ĝi estas, konforme al la recepto, nete kvinpinta.

Antaŭ viaj juĝistoj vi respondas per unusilabaĵoj. « Jes » — « Ne ». Ĉu tio ne estas la karakteriza elokventeco de Ĉe-kursano, kiun oni subite elŝiris el la horo?

Sed kial amasigi pruvojn? Vi estas ĝenerale tiel komplezema, ke tute certe, — se oni nur iomete insistus per la trafaj argumentoj, — vi libervole konfe-

sus mem, ke vi de ĉiam estis Esperantisto, fervora, fajre entuziasma, kaj ne estas via kulpo, ĉu ne, se la fajro de via entuziasmo komunikiĝis al la Reichstag.

Marinus, Marinus, bonvolu konfesi, — kaj morgaŭ ĉiuj gazetoj diskonigos, ke la Esperantistoj bruligis la germanan parlamentejon, kaj sekvos enketoj pri niaj misteraj kutimoj kun raportoj detalaj pri nia sekreta lingvo. Fine la mondo serioze okupiĝos pri ni!

Tial, Marinus, ni insiste petas vin : Konfesu !

LA DEĴORANTA PIRATO.

# Grandioza festo familia

**Prologo.** — Kiel nia elita legantaro verŝajne jam mem konstatis, ankaŭ tiu ĉi numero de nia tutmonde fama revuo aperas ne sur 80 paĝoj, ĉar malgraŭ niaj solenaj promesoj ni bedaŭrinde *ne* gajnis la grandan loton de l' franca loterio. Tio okazis cetere iom pro nia propra kulpo. Pro nepardonebla malatento ni tute forgesis aĉeti bileton, tiel, ke niaj ŝancoj verdire estis tre malgrandaj. La lotumado tamen okazis la 7-an de novembro kaj ni sukcesis tamen savi la honoron. Aŭskultu, aŭskultu ! (kiel dirus nia amiko Ĉe).

**La Pirato estas inter la favoratoj de l' sorto.** — Ni povas diri, ke ni havas bonŝancon, ĉar unu el niaj fidelaj longjaraj abonantoj gajnis unu milionon ! — Estas nia eksterordinare simpatia, plej respektindisima, meritplenisima, supernormale inteligentisima, bonegisima kaj noblakorisima *) samideano André Boyer, samtempe prezidanto de la Grupo en Cannes. Pro kompreneblaj kialoj kaj precipe pro homa kompato al tiu viktimo superŝutita per benoj de l' sorto, ni ne povas malkaŝi lian kompletan adreson ,ĉar li ne havas tempon por korespondi p.m. bfl. nek bezonas pligrandigi la rondon de siaj amikoj.

**Improvizita ceremonio altnivela.** — La posttago de l' 7-a ĉi tiun monaton estis la 8-a, kaj tiun tagon precize, ĉar merkrede, la parizaj piratoj pilgrimis al sia kaverno. Ĉu necesas diri, ke ili kuris kun ĝojaj

*) Oni pardonu al ni, se nia subita entuziasmo forŝiris nin al neortodoksaj superlativaĵoj, sed nia ĝojo en tiu momento superŝprucis.

mienoj? Ĵus la vesperaj gazetoj estis publikigintaj la novaĵon :

*S-ro André Boyer, fervora Esperantisto el Cannes, gajnis unu milionon !*

Kaj jam oni rondodiris tra la urbo : « Estas abonanto de La Pirato ». Ne mirige, ke niaj ŝipanoj alvenis multenombraj. Eĉ nia kunlaboranto Nels fine reaperis. Sala Fumal, nia ĉarma amikino, venis kun sia fileto Ale Ben Tarip, kiu tiel havis unuafoje la okazon konatiĝi kun siaj patroj. Venis ankaŭ multaj amikoj kaj sennombraj nekonatoj, kiuj ne povis subpremi la absolutan bezonon gratuli nin pro nia bela sukceso. Vole-nevole ni devis kvitanci tiujn spontaneajn atestojn pri elkora partopreno en nia feliĉo per brukorka respondo. Kaj la ĉampano kaskadis kvazaŭ estus voĉdona periodo ĉe la Pariza Grupo.

**Evidenta signo de tre delikata atentemo.** — Kompreneble ni lasis seĝon libera por S-ro André Boyer, firme esperante, ke li venos. Ankaŭ lian glason ni pie plenigis ĉiufoje, kiam ĝi estis malplena. Tio okazis ofte.

**Panegiro.** — Kaj sekvis la evangelio de l' tago, kiun laŭtkantis nia basvoĉa Solsona, tio estas la bela artikolo, la saman vesperon aperinta, pri nia heroo en la gazeto « Paris-Soir ». Tiel ni eksciis, ke — kvankam milionulo — nia nobla samideano ne kaŝis sian Esperantistecon antaŭ la intervjuisto. Tio pruvas feran kuraĝon. Plue, la sorto ĉi tiun fojon ne estis blinda, ĉar la gajninto estas energia homo, kiu obstine, persiste, senlace postkuris la ŝancon jam de multaj jaroj. Li estis regula kliento de la hispana loterio ; ankaŭ ĉe la irlanda lotumado li neniam gajnis. Sed li ne malesperis. Malgraŭ la malfacilaj cirkonstancoj de l' krizo li aĉetis dek biletojn de l' franca hazardludo kaj fine li trovis meritan rekompencon. Jen brila ekzemplo de persista eltenado por la hodiaŭa generacio, kiu tro volonte opinias, ke la riĉeco venas dumdorme. — Kaj ni eksciis kun granda intereso, ke nia intima amiko havas 40 jarojn kaj estas ankoraŭ fraŭlo.

Tiu ĉi lasta rimarko iom kolerigis nian justeman Pulbuŝel, kiu pretendis, ke tio estas tro da feliĉo por unu sola viro : Havi unu milionon kaj ne edzinon ! — Sed intertempe oni replenigis la glasojn kaj ĉio aranĝiĝis plej bonorde.

Bela gesto. — Ni ne estas revuloj, kiuj kontentiĝas per paroloj. Por esprimi ankaŭ palpeble nian profundan admiron al S-ro Boyer ni faris kolekton, kiu produktis fr. fr. 12,65, kiujn ni intencis sendi tuj telefone al la eminenta laŭreato, por ke li povu aĉeti memoraĵon pri tiu neforgesebla tago. Bedaŭrinde okazis, kiam la kelnero prezentis la fakturon de nia orgio, ke mankis en niaj poŝoj precize 12 frankoj por kompletigi la sumon. Nur nun, cetere, ni havis la pruvon, ke S-ro Boyer ne troviĝis inter ni. Bedaŭrinde. Sed la restantajn 65 centimojn ni plezure tenas je lia dispono. JULES LARIBOIS.

## VETKURADO

LA PIRATO havas abonantojn sur ĉiuj tergloboj, reprezentantojn de ĉiuj rasoj kaj seksoj. Tamen mankas en nia kolekto nomoj komenciĝantaj per litero « Q ». — Ĉar tiu litero ne ekzistas en Esperanto, ni lasas al ĉiuj la eblecon ĝin elparoli nacilingve.

Kiom ajn ĝojige estas — laŭ franca vidpunkto — ne havi « Q » inter niaj abonantoj, ni tamen deziras, pro kompleteco de nia kolekto, posedi ankaŭ ĉi tiun maloftan specimenon. Tial ni organizas vetkuradon :

La unua Q-ulo, kiu sin konatigos ĉe nia Administracio, ricevos tutjaran abonon *senpagan* al nia honorinda revuo ; la dua duonjaran ; la tria, kvaronjaran ; la kvara, ilustritan poŝtkarton. Konsekvence, ĉiuj Q-uloj rapidu !

La juĝantaro, kiu konsistas el eminentaj sportuloj, priatentos la poŝtajn distancojn, tiel, ke antipodulo havas la samajn ŝancojn, kiel tiu Q, kiu loĝus ekzemple en Parizo, 9, rue Hallé.

Gesinjoroj, ekkuru !

## MISKOMPRENO



*)

— Se vi volas resaniĝi, vi devos submetiĝi al severa dieto.
— Neeble, sinjoro Doktoro, mi estas ateisto !

*) Kriztempa kliŝo (3-a eldono !)

*LETERO EL GERMANUJO*

# La plej bela tago el mia vivo

Karaj piratoj! Kvankam mi scias, ke vi ne kapablas leviĝi en la altajn sferojn de nobla vivkoncepto, nek respekti naivajn sentesprimojn de renaskiĝanta popolo, mi tamen deziras priskribi por vi neforgeseblan travivaĵon.

La 24-an de oktobro nia estro paroladis en la Sportpalaco, vespere je la 8-a. Dezirante ĉeesti, mi ekiris matene je la 7-a, sed jam en ĉiuj stratoj la homamasoj estis tiel densaj, ke mi nur tre malrapide estis antaŭenŝovata. Kelkloke la denseco estis tia, ke oni eĉ ne plu povis levi *) la brakon. Ĉirkaŭ tagmezo, kiam mi volis manĝi, mi troviĝis je ducent metroj de la Sportpalaco, ĉiam tiel premata, ke mi ne sukcesis elpoŝigi miajn kolbasetojn. Ankaŭ ili estis premataj. Ilia varmeta suko senentuziasme fluis laŭlonge de miaj kruroj. Sed estis bele. Tiam mi vere sentis, ke nia popolo estas nedisigebla tutaĵo. Je la 5-a vespere mi povis eniri en la Sportpalacon, rajdante sur mia antaŭulo, kiu mem estis portata de aliaj. Malantaŭ mi oni kriis: « Ne puŝu! » Mi estis parto de torento. Die!

Je la 8-a la estro staris sur la estrado. Neniam pli elokventa oratoro vekis pli bolantan entuziasmon. Por ke ankaŭ vi profitu iom, mi fidele notas ĉi sube ĉion, kion li diris kaj la efikon sur la ĉeestantojn.

« Miaj kunuloj! *(tondra aplaŭdado, kiu daŭras sep minutojn).* Ni estas pretaj batali *(Heil, Heil — dum dika kvaronhoro kuraĝigaj krioj senpaŭze renoviĝas)* por nia honoro, *(entuziasmoscenoj refoje interrompas la oratoron. Patrinoj ploras pro ĝojo, kiam la infanoj discipline ekkantas la Deutschlandlied. Poste la tuta ĉeestantaro, grimpinte sur la benkojn, komencas unuvoĉe la Flaggenlied. Nur kiam forsonis la lasta akordo, la oratoro povas daŭrigi)* por niaj rajtoj! *(la delira entuziasmo atingas la plej altan kulminacipunkton; la longecon de l' aplaŭdegoj mi taksas je duonkilometro).* Nia popolo *(nepriskribebla bruo, la Olimpa rekordo estas rompita. Mia dekstra mano*

*) Tiu ĉi vorto ŝajnas evitinda, ĉar mi dubas pri ĝia pure ariana deveno. — H. M.

*ankaŭ. Same okazis al najbaro, kiu frakasis sian maldekstran. Tiam spontanee, patriote mia sana mano klakas aplaŭde kontraŭ lia funkcikapabla dekstra. Estas kortuŝe. Ĉeestanta pastro nin benas),* deziras vivi en paco *(la kulminacipunkto estas superata, laŭtparoliloj diskrevas, la stratosfero tremas, necesas kvardek minutoj por reorganizi la silenton)* kun la tuta mondo ! »

Mankas vortoj. Imagu la bruegon de lavango kaj uragano, de tondro kaj maro, de ĉiuj kanonoj kaj tamburoj; adiciu, duobligu, milobligu, kaj vi havos dekonon de l' realaĵo. La oratoro ne povis fini, ĉar ĉiuj, ĉiuj, viroj, virinoj, infanoj kaj pastroj, seninterrompe bisis ĝis frua mateno. Nehaltigeble.

Sinjoroj piratoj! Kiu tian spektaklon vidis proprorele, tiu kredas je mirakloj, kredu min !

HANS MAUL.

---

# SENSACIA NOVAĴO EL LA KONGRESLANDO

Niaj svedaj amikoj preparas al ni belegajn surprizojn. La kongresanoj miregos kiel Peĉjo en Fabellando. — Kompreneble, oficiale oni ankoraŭ nenion perfidas. Sed al ni oni nenion povas kaŝi. Unuan indikon ni kaptis, legante en Heroldo ĉi tiun noteton :

« **Rekarne** (Sved.) — La 14. 9. lektoro Seppik faris Csehmetodan provlecionon al 100 homoj, inter ili tuta omnibuso el Eskilstuna. »

Jen, jen ! Tuta omnibuso lernas Esperanton.



*El postkongresa raporto :* « ... Jam de malproksime la ŝipo vokis « Rapidu, mi tuj forveturos. » Kiam mi sidiĝis, la seĝo tre afable knaris « Bonvenon ! » — Sed pleje mi miris, kiam mi enlitiĝis. La matracrisortoj lularie ekmuzikis « En la mondon venis nova sento... » ..... La sekvantan matenon : Sensukcese mi provis eniri. La pordo ne cedis, sed samtempe ĝi ĝentile avertis :

« Okupata. — Paciencigu kvin minutojn »



Mi veturos al Stockholm.

SALA FUMAL.




LA LERNANTO (Okt.) — « La helpkuracisto Lisicin estis homo nejuna kun grasa ventro kaj kun senharaĵo. »

*Feliĉulo! Aliaj estas ofte sen kunharaĵo!*

SCIENCA GAZETO (Sept.-Okt.) — « La sekso de ĵus elkovitaj kokidoj, ĉe kelkaj kokinspecoj almenaŭ, estas nun konebla. Oni bezonas tamen eltrovi la distingigan markon. »

*Kompreneble.*

GERMANA ESPERANTISTO (Nov.) — « Kial vi donas al la kokinoj varmegan akvon por trinki? » vizitanto demandas la posedantinon de kokbridejo.

*La vizitanto povus ankaŭ samtempe demandi, kial ŝi bridas la kokojn, kiuj ĝenerale estas pli rajdantoj ol rajdatoj.*

NORDA GAZETO (Sept.-Okt.) — « Iom da gramitiko. — Ne konfuzu: *Premiita bovo* (en ekspozicio) kaj *premita cimo* (en lito de malbona hotelo). »

*Evidente estas ĝene, kiam oni konfuzas, kvankam oni nur malofte havas la okazon trovi premiitan bovon en lito de hotelĉambro. Sed, finfine, tiu ĉi problemo apartenas pli al la zoologio ol al la gramatiko!*

KIO ESTAS OOMOTO? (5-a eldono) *) p 85: « En ĉiu loko la Majstro resanigis nekalkuleblajn malsanulojn: kiam li metis sian manon sur la malsanan parton, aŭ, kiam li spiris al malsanulo, li tuj reakiris forton kaj sanon. »

*Jes, sed kio pri la malsanulo? Ĉu ankaŭ li reakiris forton kaj sanon?*

*LA PIRATO publikigas nek recenzojn nek anoncojn. Tiurilate oni turnu sin al malpli seriozaj gazetoj.*

*) Broŝuro 96-paĝa, prezo 1,— sv. fr. ĉe Oomoto Centra Oficejo, Kameoka (Kiotohu), Japanujo.

*NIAJ ENKETOJ*

# En Japanujo

*Dank' al trisemajna sobreco ni povis ŝpari sufiĉe da jenoj por sendi lastmonate specialan enketiston al Japanujo. Ĵus ni ricevis lian unuan raporton.*



Karaj mecenatoj !

La unua vizaĝo, sur kiun mi falis ĉe la surteriĝo en Tokio, estis la orokulvitra de Niŝimura, jam konata de ni. Ridetante li diris : « Kara amiko, kion vi venas serĉi tie ĉi ? » Mi tute ne kapablis respondi, ĉar la celon de mia vizito, same kiel mian poŝtukon, mi forgesis en Parizo. Ridegante li montris al mi vian telegramon :

« Pirat-haveno al Niŝimura, — petas atendi senditon ĉe aerstacio Tokio stop li celas enketon pri Oomoto stop dankon »

Korfuŝite mi donis al la sindonema amiko foton de Sala Fumal, kio videble ĝojigis lin, kaj mi tuj komencis mian enketadon.

Ĉe la unua kamparano : — « Oom.. kame.. Tu tsai li miraku do ka ku. » — Mi diris : « Dankon, same al vi ! »

Ĉe la dua kamparano : — « Oomoto ? Eble jes, eble ne. » — Mi demandis nur, ĉu tiu prudenta homo ne estas el Normandia deveno.

Ĉe la vilaĝestro : — « Fremdulo, sciu, ke nia imperiestro estas la sola dio por ni. Alia majstro ne povas iĝi pli potenca sen granda risko. Ne petu pliajn informojn, ĝis revido ! »

Ili ĉiuj timas la mikadon ? Bone, mi vizitos la mikadon mem.

En la imperiestra palaco, post la kutimaj ceremonioj kaj gratuladoj. (Feliĉe mi sciis, ke decas neniam respondi al la mikada moŝto. Mi lasis lin monologi.)

« Mi, mi, mikado, kio do ? Oomoto ne amata de mi, mikado ? Ĉu mia nomo ne estas esenco sufiĉa de l' amikado ? A-a-a-a-aĉum ! (post naztukado). Kion vi deziras trinki ? Vi admiros niajn silkojn kaj nian paperon. Restas malmulte... da papero. Oomoto formanĝas ĉion por eldoni librojn, gazetojn, broŝurojn. »

— « Ne plendu », mi pensis, « en Eŭropo ni havas AELA. » — Kaj li daŭrigis (gravtone) : « La unua potenco estas mi, poste estas en Okcidento iu Hans Jakob. La aliaj, Ligo de Nacioj aŭ Oomoto ne interesas min. Jen, kara amiko, ne foriru sen tiu ĉi donaco : Lakita telereto, kiu ricevis la infanan salivaĵon de l' nuna imperiestro. »

Laŭ la kutimo mi ankaŭ donis objekton dirante : « Jen la plej nova eldono de Pariza suburba veturbileto » kaj mi forriverenciĝis.



Ĉe la majstro. — Li estis finanta sian kurson, kiam mi alvenis. Mi kaptis nur liajn lastajn parolojn : « ... geamikoj, vi brilos ĉiam en la vivo, se vi restos diamantoj ! » — Tuj poste ni sidis sur la sankta loko, kie konversacio povas esti nur dialogo. Ne necesis min prezenti. Li sciis ĉion : « Vi ne estas japano. Vi alvenis hodiaŭ en Kameoka kaj sufiĉe lerte manĝis vian rizon ! »

« Admirinde, vi divenis ! »

« Sendube, mi di-venas. »

« Ĉu vi povus difini por mi la esencon de via movado ? »

« Ne, — difino ne ekzistas. Dio estas eterna. »

« Vi estas ankaŭ poeto. Kiajn versaĵojn vi verkas ? »

« Di-versaĵojn. »

« Kaj diservaĵojn. » — Mi tiam rimarkis, ke li havas strangan tikon. Kvazaŭ spasme lia lango elbuŝiĝas por leki la supran lipon. Mi juĝis pli prudente ne informiĝi pri tio kaj konkludis, ke ĝi estas dia lektiko. Ĉar tiam li prenis el sia poŝo dikegan beton kun la videbla intenco ĝin donaci al mi, mi retiriĝis kiel eble plej rapide. Mi ne intencis reveturi Eŭropon kun... dia beto !

TAN HAUSER.

Aŭtentika japana desegnaĵo de ĉina artisto el la XIII-a jarcento.



Ĝi ornamas la lakitan teleron donacitan al nia sendito.

# Neoglifoj *)

Hieraŭ la mondo konis la hieraŭglifojn. Sed tiuj fuŝaĵoj de barbaraj prapopoloj jam malaperis en la abismon de l' nokto. Hodiaŭ ni vivas dum brila epoko de l' progreso. — Tion kompreninte, nia eminenta samideano, D-ro Aleksandr Sommer Batek, trovis dum febra sonĝo la ŝlosilon de nova skribmaniero tute originala. La neoglifoj multe similas al la antikvaj hieroglifoj, kvankam ili estas malpli simplaj. Kaj de nun ni instruos al niaj infanoj ne plu la mizeran « modernan » alfabeton, kiu havas apenaŭ 25-30 diversajn signojn, sed la sistemon de D-ro Batek, en kiu la signonombro estas neelĉerpebla.

Al ĉiu vorto respondas aparta signo, genie eltrovita. Por skribi « balailo » ekzemple, oni desegnas... balailon, — por lito oni surpaperigas liton, — templo estas templo, domo domo, ktp. Ĉar en ĉiuj landoj balailoj havas proksimume la saman aspekton, estas klare, ke anglino tre bone komprenos la hispanan balailon.

Mi pensas, ke post fervora ekzercado, dum eble 20 jaroj, ĉiuj infanoj de l' mondo scios flue uzi la neoglifojn. Tiam ili konstatos, ke ili povas skribe interŝanĝi balailojn kun ĉiuj popoloj, sed ne parole. Kaj ĉi tie kuŝas la merito de D-ro Batek. Tute ĝuste li rimarkigas, ke en tiu momento la infanoj (ili ne plu estos tute junaj!) sentos la bezonon de Esperanto. La principo de l' metodo, kiu celas nur propagandi Esperanton per ĉirkaŭvojoj, estas, ke tiuj, kiuj longe suferis super la neoglifoj, vidos en Esperanto ludon, plezuron, liberigon kaj ĝin definitive adoptos. Antaŭ tia pedagogia genieco mi respekte demetas mian kufon.

Plue, — tion mi devas substreki — la aŭtoro ne celis nin trompi. Se « glifoj » signifas laŭ sia greka deveno « skribsignoj » (aŭ io simila), la unua vortparto « neo » estas aŭtentike Esperanta. Do temas ĉi tie pri signoj, kiuj neas ĉion, la progreson, la praktikecon, la sanan homan komprenon. Tion konstatinte ankaŭ mi diras NE!

Condorcet.

---

*) Neoglifoj, la monda skribo, havebla ĉe D-ro Aleksandr Sommer Batek, Praha-Liboc 162, kontraŭ 2 respondkuponoj.

## *LETERO EL SOVETRUSUJO*

# Nova politika tendenco

*(Sekreta komuniko de nia rusa korespondanto)*

**La soveta politiko lastatempe multe evoluis. Pli kaj pli oni sentas la bezonon de firma, unueca gvidado de estro direktanta. La fakto, ke oni neniam povis ekstermi la burĝaron, plej bone pruvas ĝian utilecon. Tion kompreninte, la komunista reĝimo pli kaj pli mildiĝas kaj malaperas. Ĝi cedas sian lokon al la plej ideala faŝismo. Jam oni planas koran amikecon kun Italujo.**

# AKADEMIA RAPORTO

Unu el niaj bonaj amikoj, (afabla leganto, stariĝu!) kiu estas aŭtentika Akademiano, (dankon, vi povas sidiĝi!) sendis al ni du nteresajn komunikaĵojn :

I.

Post tre longa studado en la koncerna fako la aŭtoro konkludas : « Ĉu vi scias, ke la antikvaj hebreoj jam konis la koktelojn (cocktail) ? — Bonvolu malfermi la Biblion kaj vi legos ĉe Jesaja 5, 22 « Ve al tiuj, kiuj estas bravuloj por miksi ebriigaĵon. »

II.

Nun problemo pli speciale gramatika.

« Ĉu vi scias, kiel virino povas iĝi viro ? — Tre simple. Surmetante maskon : Ŝi iĝas... maskulino ! »



Konkludo ? — Ni ne malesperu, ankoraŭ vivas bonhumoro en nia Akademio.

## NIAJ RECEPTOJ

### Por pasigi agrablan vesperon

Ekzistas diversaj manieroj, sistemoj kaj metodoj, depende de tio, ĉu vi estas sola, duope aŭ en societo oscedanta. Kiam vi estas sola, ni rekomendas al vi serĉi la alian parduonon. Tiam vi ne plu bezonos niajn konsilojn. Sed en societo, provu enkonduki la novan ludon, la « ABC de l' milionulo ». Ĝi estas simpla. Jen ekzemplo anstataŭ reguloj : Vi diras **A**ndré, la sekvanta diras **B**oyer, la tria **C**annes, poste **Ĉ**ef kaj **D**elegito **E**n **F**rancujo **G**ajnis... ktp. Nur nun komenciĝas la malfacilaĵo. Se vi sukcesas, komuniku vian solvon al ni.

Tiu ludo havas ankaŭ varianton : Oni povas komenci ĉe la fino.

ONKLINO APOLINO.

## *LETERO EL ITALUJO*

# Italujo evoluas

*(Konfidenca raporto de nia itala korespondanto)*

**Nun oni komprenas ĉi tie, ke la laboristaro meritas pli bonan sorton, ke ĝi ne povas esti daŭre ekspluatata de la fiburĝaro. Tial la registaraj rondoj rapide marŝas al nova reĝimo, en kiu la potenco apartenos al la proletaro. La faŝismo forvaporiĝas, baldaŭ eĉ ĝia nomo ne plu ekzistos, ĉar ni troviĝas jam meze de l' plej ideala komunismo. Alvenis la momento por starigi definitivan amikecon kun Sovetruslando.**




— Hodiaŭ, sinjoro, ni havas ŝafkotleto, ĉevalbifsteko, porkrostaĵo kaj...

— ... kaj akuzativo ŝajne ne plu estas, ĉu ne?

— Mi ne scias, sinjoro, sed mi tuj demandos en la kuirejo.

### TRAGEDIO

Vilĉjo mortis en junaĝo
Pro trinkado — sed nur, ĉar
En la glas' por $H_2O$ li
Trovis $H_2SO_4$.

WAG.



*Dum nokto serena, kiam neniu kaperaĵo montriĝas ĉe l' horizonto, la piratoj kunvenas sur la ferdeko, ĉirkaŭ la centra masto, kaj rakontas... Ĉi tiun nokton la ŝipano Alobrogo forkraĉis sian maĉtabakon kaj ekparolis :*

# Jen ekzemplo de ĉina sprito

Li-Hung-Ĉang, la fama ŝtatisto ĉina, okaze de sia vojaĝo en Eŭropo estis invitita por pasigi la semajnfinon ĉe angla familio diplomata.

Antaŭ foriro, la filino de la gastiganto petis de la distinginda gasto, ke li enskribiĝu per moto sed en ĉina skribo.

« Kio estas moto ? », demandis Li-Hung-Ĉang.

« Moto estas eldiro simila al jena », respondis la fraŭlino, *« Saĝa laŭ ŝilingoj, malsaĝa laŭ funtoj,* do ŝpari ĉe malĝusta loko. »

« Tre bone », respondis kompreneme la gasto kun la pendantaj lipharoj, « mi komprenas nun.» Diris, elprenis ĉinan skribpenikon kaj pentris rapide tutan paĝon per belaj signoj en la artistokrata memorlibro. Tiam li transdonis, daŭre ridetante kun ceromonia gesto la libron al la fraŭlino. Neniu povis legi nature, neniu kuraĝis peti tradukon. Ĉiuj rigardis respekte, dume la fama ĉino adiaŭis. Sed oni havis moton de Li-Hung-Ĉang.

Post jaroj revenis filo aŭ nevo de la familio el servo diplomata en ambasadorejo ekstremorienta.

« Jonny », oni diris al li, « imagu al vi, Li-Hung-Ĉang estis tie ĉi kaj ankaŭ skribis ion en la gastlibro. Nun vi devas traduki. »

Kaj oni montras al li la libron. Jonny legas kaj legas kaj ridegas.

« Sed diru al mi, kion vi deziris de la ĉino ? »

« Jes, Mabel petis lin, enskribi ĉinan moton, ekzemple : Saĝa laŭ ŝilingoj, malsaĝa laŭ funtoj. Kion li do skribis ? »

« Tre bone », diras Jonny, « tiun ĉi proverbon la eminentulo ankaŭ enskribis. »

« Kial do vi ridegas tiom ? »

« Karuloj, tenu min por ke mi ne krevu. La frazo pri la ŝparo je malĝusta loko posedas en la ĉina lingvo alian metaforan ekvivalenton, alian vortbildon ol en nia monavida mondo. En la florriĉa lingvo de l'Oriento, kiun uzis Li-Hung-Ĉang, la frazo signifas :

*Estas ne saĝe iri frue en la liton por ŝpari lumigadon, se la rezulto de tio estos ĝemeloj.* »

ALOBROGO.






**Tri punktoj.** — «La Movado», organo de l'francaj Esperantistoj, ne plu aperas. Kial? — Unu el niaj sudfrancaj amikoj deziris koni la kaŭzojn de tiu malapero kaj li sin turnis al diversaj kompetentuloj, ankaŭ al Ferrari, kiu ne hezitis:

1. La direktoro de La Movado estis tro bona homo;

2. La parizaj eminentuloj ne praktikas Esperanton;

3. Ni ne havas en Parizo S-ron Georges Avril.

Se oni metus, sub la tria punkto, anstataŭ la nomo de S-ro Georges Avril tiun de S-ro André Boyer, la du unuaj argumentoj estus superfluaj.

**Eble.** — Kelkaj klaĉemaj samideanoj parolis pri la libro ĵus anoncita de AELA:

« Pri l' Moderna Arto »
verkita de S. Grenkamp-Kornfeld
kaj Jan Brzekowski,
red. de « L'Art Contemporain »

kaj ili miris, ke ĝis nun neniu sciis, ke S-ro Brzekowski estas Esperantisto. Nu — rimarkigis voĉo el sub la tablo — li diktis eble en nacia lingvo.

**&.** — Nian amikon Grenkamp, cetere, la estontaj generacioj verŝajne malbenos. Post kvindek jaroj la malfeliĉaj lernejanoj devos scii parkere ne nur la titolojn de liaj verkoj, sed ankaŭ kun kiu li kunverkis. Kaj Grenkamp estas terura ŝanĝemulo; ĉiufoje li pariĝas kun nova partoprenanto: de Lajarte, Fruictier, la Trio, Brzekowski, k. a. Ĉu oni ne povus plisimpligi, adoptante unu fojon por ĉiam la anglan formulon «Grenkamp and partner?»

**D. E. B.** — Estas Deutscher Esperanto-Bund. Kompreneble ankaŭ ĝi adaptiĝis al la novaj politikaj cirkonstancoj. La energiaj, soldate sonoraj cirkuleroj de l' Bund-estro blovas super la demokrataj konferencemuloj kiel freŝa vento. Per tia cirkulero la membroj de l' asocio iun tagon eksciis, ke S-ro Behrendt elektiĝis definitiva estro. Kaj rezigne ĉiuj konstatis: «DEB!»... *D*io *e*lektis *B*ehrendt.

**Kaj G. E. A.** — Traduko de D. E. B. « Germana Esperanto-Asocio ». Samtempe G. E. A. montras la diversajn stadiojn de l' evoluo depost surtroniĝo de l' nova reĝimo. « Grimaco — Estimo — Aklamo. »

**Ho, kara Majstro!** — Komence la G. E. A. tute logike intencis forigi la judojn el siaj vicoj. Sed tio signifis samtempe duonigi la membronombron. Tial

oni decidis nur : « Estas malakceptataj ĉiuj elementoj, kiuj ne aprobas la nunan registaron. » — Tio ne sufiĉis al S-ro E. Wichert. Ĉiam fondopreta li enstatutigis novan societon, kies ĉefa postulo estas : « Neniu judo inter ni ! » Feliĉa Majstro, kiu ne ĝisvivis tion...

**Ĉu kolegoj ?** — Unu estas Marinus van der Lubbe, pri kiu ni jam parolis ; la alia, nia neforgesebla samideano Adalberto Smit, kiu fondis naci-socialistan partion en Holando. Ĉu tial kolegoj ? Ne ! Sed Adalberto Smit estas aŭtoro de « Fajreroj » (verslibreto). Marinus ankaŭ estas aŭtoro de Fajreroj. — Unu oni jam enkarcerigis.

**Dank' al Esperantisto.** — Tio okazis antaŭ nelonge en Parizo. Inter la Ponto de l' Artoj kaj Louvre troviĝas du lumsignaloj, kiuj prizorgas la trafikon. Dum la aŭtomobiloj veturadas, unu signalo diras « Atendu ! » — poste, kiam la piedirantoj povas senriske transiri de trotuaro al trotuaro, la alia signalo montras « Transpasu ! ». Sed tiun tagon la aparatoj estis difektitaj. Unu seninterrompe lumis « Atendu ! » dum la dua tute ne funkciis. Kaj la Parizanoj tre obeeme atendis. Vespere, ĉirkaŭ la 20-a, preskaŭ 500 personoj tie atendis. Tiam alvenis nia amiko, la konata vendstelulo Ferrari kun sia portebla butiko. Tuj li komencis vendi Esperantajn gramatikojn. Post kvin minutoj la homamaso estis for. Kaj ĉio reordiĝis.

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Al sennombre multaj. — Kortuŝite ni dankas al ĉiuj amikoj, kiuj gratulis nin pro la sukceso de nia abonanto A. Boyer.

Al eventuala interesiĝanto. — Fraŭlino Sala Fumal tre deziras pasigi kelkan tempon en Sudfrancujo, prefere en Cannes. Ŝi pensas, ke ankaŭ venis la tempo por edziniĝi. Ĉu ŝi renkontos tie simpatian fraŭlon, proksimume 40-jaran, kun iom da mono ?

Al S-ro P. G., et H. (Germ.) — Dankon pro via p. k. Sed atentu, — ankaŭ la cenzuro scias Esperantón. Ni tre bedaŭrus, se oni enkarcerigus vin, ĉar tiam vi ne povus renovigi... vian abonon.

Al S-ro T. M. en Ö. — Dankon pro la bela bildo. Tute amuza. Sed pro ĝia duonmetra formato ni ne povas represi ĝin. Piratsaluton !

Al S-ro J. St. en E. — Bone. Sed ni jam trouzis tiun temon. Ni tamen ĝojas, ke vi havis ideon. Tio povas okazi.

Al S-ro A. B. en C. — Se vi estas embarasata, ni volonte submetos al vi elspezprogramon.

Al S-ro M. A. en V. — Vi estas 32-jara, brunhara kaj pezas 70 kilogramojn. Komplimentojn. Sed ni supozas, ke vi miksis la kovertojn kaj via « kara Johanjo » verŝajne ricevis la leteron destinitan por ni.

Al S-ro B. K. en G. — Via letero estas sendube tre interesa sed tute ne legebla.

Al S-ino L. C. en G. — Ne, dankon ! Por fliki la velojn de nia fregato ni uzas la malnovajn ĉemizojn de Sala Fumal.

*Le Gérant :* ROGER BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# MODELO DE ABONILO

*Al S-ro J. SOLSONA*
*9, rue Hallé*
*Paris - XIV*

*Ĉi kune mi sendas al vi ............ fr. fr.* *) *(aŭ egalvaloron) per poŝtmandato, ĉeko, monbiletoj, — (trastreku la nekonvenan) — kiel abonpagon al LA PIRATO, por unu jaro (12 numeroj), ekde la monato ..............*

*Familia nomo:* **) ..............

*Antaŭnomo:* ..............

*Urbo (aŭ vilaĝo)* ..............

*Strato kaj n-ro* ..............

*(se necese) Provinco* ..............
*Distrikto, ktp.*

*Lando:* ..............

*) Tarifon vidu sur la 2-a kovrilpaĝo.
**) Skribu tre legeble!

---

# ATENTIGU

viajn geamikojn, ke restas nur malmultaj ekzempleroj de la unuaj numeroj de LA PIRATO

# BALDAŬ

ni ne plu povos liveri!

Ili mendu senprokraste, ĉar estas ekster dubo, ke post kvindek jaroj tiu ĉi kolekto valoros plurcent funtojn da arakidnuksetoj!